# Gaja Haveno

Porto Alegre, RS, Brazilo
**N-ro 50 (2020:2)**
Kreita en 1997





# Isabel Allende Kaj Esperanto

**↱César Dorneles**

**E**n la momento en kiu mi estis leganta la unuajn paĝojn de la nova romano de Isabel Allende lanĉita en la portugala, *Longa Pétala de Mar* [Longa Petalo de la Maro], subite mi trovis alineon en kiu Esperanto estas menciita. Kuriozas, ke tio okazis ne unuafoje en ŝia literatura kariero. Ni plibone vidos tion poste.

Unue mi diru ion pri Isabel Allende, la plej fama hispanlingva verkistino en la mondo. Ŝi naskiĝis en Limao, Peruo, en 1942, sed ŝi estas ĉilia laŭ nacieco. Ekde 1988 ŝi loĝas en Usono. En 1983 ŝi publikigis sian unuan romanon: *La casa de los espíritus* [*La domon de la spiritoj*], grandan literaturan sukceson kiu poste transformiĝis en filmo kun usonaj geaktoroj Jeremy Irons kaj Wanona Ryder. Poste venis aliaj romanoj kiel Eva Luna, *Hija de la fortuna* [*Filino de la ŝanco*] kaj *Retrato en sépia* [*Sepikolora portreto*] – ĉiuj kun granda publika akceptado.

Kio pri Esperanto? *En La Casa de los espiritus*, la protagonistino Clara havas la kutimon kontaktiĝi kun spiritoj, kiuj parolas al ŝi nur en la hispana aŭ en Esperanto. Ŝi eĉ skribas al ambasatoroj kaj ministroj pri edukado por enkonduko de Esperanto ▶

▶en la lernejojn de la tuta mondo, sed neniu reagas al ŝia propono.

En la romano *El cuaderno de Maya,* la verkistino utiligas la vorton *esperanto* laŭfigurasence. Pri sia hundo ŝi komentas: *"No es cariñoso, pero nos entendemos en el lenguaje de la flora y la fauna: esperanto telepático."* [Ĝi ne estas karesema, sed ni komprenas unu la alian per la lingvo de floro kaj faŭno: telepatia Esperanto.]

En *Longa Pétala de mar* (2019), la intrigo disvolviĝas inter la Civila Milito en Hispanio (1936-1939) kaj la ekzilo de la geprotagonistoj en Ĉilio. Ĉe la fino de la milita konflikto, ĉefgeneralo Francisco Franco [Francisko Franko] triumfe eniras en Barcelonon kun sia armeo. Pri la okazintaĵo jen la fragmento menciita en la komenco:

*Primeiro prendiam os combatentes, se os achassem, em qualquer condição que estivessem, e pessoas denunciadas por outros como colaboradoras ou suspeitas de alguma atividade considerada antiespanhola ou anticatólica; isso incluía membros de sindicatos, partidos de esquerda, praticantes de outras religiões, agnósticos, maçons, professores, maestros, cientistas, estudiosos de esperanto, estrangeiros, judeus, ciganos, e assim seguia a lista interminável.*▶

▶*Unue ili arestis la batalantojn, se ili trovis ilin, sub ia ajn kondiĉo en kiu ili estis, kaj homojn denuncitajn de aliaj kiel kunlaborantojn aŭ suspektindajn pri aktiveco konsiderata kontraŭhispania aŭ kontraŭkatolika; tio inkludis membrojn de sindikatoj, maldekstraj partioj, praktikantojn de aliaj religioj, agnostikulojn, framasonojn, instruistojn, maestrojn, sciencistojn, studantojn de Esperanto, alilandanojn, judojn, ciganojn, kaj tiele sekviĝis la senfina listo.* ●

↱Referencoj:


ALLENDE, Isabel. *Longa Pétala de Mar*. Rio de Janeiro: Bertrand Brasil, 2019.
https://eo.wikipedia.org/wiki/Isabel_Allende


# Kapoj pensas

PIV

**En intervjuo** al la revuo Kontako n-ro 294 (2019:6), Bertilo Wennengren, aŭtoro de PMEG–Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko – respondis al demando pri PIV–Plena Ilustrita Vortaro, asertante, ke por li *PIV estu unuavice interreta verko, kiu tamen povu aperi libroforme je bezono. (...) Eble la papera eldono tiam povu esti malpli ampleksa ol la Interreta, ĉar Interreta vortaro povas enhavi multon, kiun oni kutime forelektas ĉe papera eldono por ne trosveligi la libron. Efektive pri tio mi havas multajn tre konkretajn proponojn, kaj mi jam diskutas kun SAT* [Sennacieca Asocio Tutmonda – eldonanto de PIV] *pri la afero.* ●

# Miks-



**F**rancisco Riopardense de Macedo**, en sia libreto *História de Porto Alegre* (*Historio de Porto Alegre*), registras la fakton, ke en 1811 la tiama vilaĝo Porto Alegre estis tute ekskuita de tertremo, kiun la enloĝantaro, timigita pro tiel unika okazintaĵo, atribuis al diversaj supernaturaj kialoj.

***V*erschlimmbessern**: germanlingva vorto por la jena senco: *plimalbonigi aferon dum oni provas ripari ĝin.*

**B**razila Esperantisto** n-roj 430-431 de jan/feb 1950 informis pri perbrajla E-kurso en Porto Alegre ĉe Instituto Santa Luzia gvidata de Augusto N. Siqueira dimanĉon matene. Tiuepoke Jornal do Dia aperigis artikolon kun foto pri la aranĝo.



**Vikipedio** estas virtuala enciklopedio kreita de la usonanoj Jimmy Wales kaj kaj Lerry Sanger en 2001. Ĝi estas eldonata sub la formo de kunlaborado inter ĝiaj uzantoj pere de 299 lingvoj inter ili Esperanto. La lingvoj kun plej granda nombro da artikoloj estas la angla (5,78 milionoj da artikoloj), la franca (2,97), la rusa (1,72), la hispana (1,50), la ĉina (1,04) kaj la portugala (1,01 miliono).

**La papersako** estis lanĉita en Anglio en 1844. En 1941 du anglaj kemiistoj sintezis la polietilenon kaj sekve al tio aperis la plastaj sakoj, kiuj populariĝis en la 70aj jaroj.

Survoje al **6000** paĝvidoj

www.gajahaveno1.blogspot.com

**Superman**, la unua superheroo de la bildrakontoj, aperis en 1938, meze de la ekonomia krizo de la 30aj jaroj, kun altaj indicoj da krimeco kaj perforto. Superman luktis kontraŭ la krimo pere de siaj specialaj povoj. Ne, li ankoraŭ ne flugis...

**La vorto *restoracio*** devenas el la franca verbo *restaurer* = *rebonstatigi*. Restoracioj aperis en la dua duono de la 19a jc en Parizo kaj ankaŭ estis konataj kiel sandomoj. En tiaj publikaj ejoj malfortigitaj homoj povis manĝi buljonon surbaze de viando por plibonfartiĝi. Laŭ historiistino Rebecca Spang, en sia libro portugallingve *A Invenção do Restaurante* (*La Invento de la Restoracio*), la unua restoracio laŭ la moderna koncepto aperis samurbe en 1766.

**Ĉar la vorto "farti"** estas tre malagrabla por la anglaj oreloj, tial mi konsilas, ke anstataŭ ĝi ni uzadu (precipe en Anglujo) la vorton "stati", kiu troviĝas en la Universala Vortaro kaj povas tute bone anstataŭi la malagrablan vorton. Ekzemple: "Kiel vi statas" (anstataŭ "Kiel vi fartas"). En okazo, kiam la senco povas esti ne tute klara, oni povas ankaŭ uzi la pli precizan vorton "sanstati". ●

> "The British Esperantist", 1907, O.V. p. 444

---


Gaja Haveno

Redaktas César Dorneles Soares
dornelespoa@gmail.com
Eldonoj PDF-forme:
**www.esperantors.net.br**





Groucho Marx

↱Pliaj frazoj el famuloj legeblas en la Facebook-paĝo *Esperanto Todo Dia*, kreita kaj administrata de Renato Oliveira Pereira

# Tempo-tunelo



**BEJO-Renkontiĝo de Porto Alegre (BEJO-REPA)** okazis je 23-24/jul/1988 sub la organizado de Ernani Borges (vicprezidanto de BEJO), Cleonice Rodrigues de Lima (BEJO-reprezentantino en Porto Alegre) kaj César Dorneles Soares (1a Sekretario de ESPA). La renkontiĝo kalkulis je la apogo de ESPA-Esperantista Societo de Porto Alegre kaj DESSEAK-Departemento de Esperanto de Sociedade Espírita Allan Kardec, kiu cedis la aŭditorion en ĝia *Nukleo 1* ĉe str. Fernando Machado por la realigo de la eventprogramo. I.a. okazis prelegoj de Paulo Ricardo C. Feil pri *DLT-Distribuita Lingva Tradukado*, César Dorneles Soares, pri *Vojaĝo al Kubo* – kun prezento de lumbildoj, Boris Eston pri *Travivaĵoj de Esperantisto*. Koruso Olvebra estis la granda atrakcio kiel arta programero. Enhavaĵo pri la evento aperis en la loka gazetaro. ●